

# Boletín

Nº 339 Januaro/Februaro 1999



HEF? Bone, dankon!

Asociación de utilidad pública

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Miguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoro. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7; ES-28015 Madrid; Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79 Konto: 14.011.966, Caja Postal admin@esperanto-es.org www.esperanto-es.org**



# Enhavo

# HEF ricevas subvencion

Ankaŭ ĉi-jare la "Biblioteko Juan Régulo Pérez" petis subvenci-peton en rilato kun la supre menciita apogo, kaj, feliĉe, ĝi ricevis ĝin.

En la dua jaro de sia funkciado, la subvencio de la Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen disponigis 4200 guldenojn, el kiuj 500 estis aljuĝitaj al la biblioteko de HEF. La subvencion oni ricevas sub la formo de libroj el la libroservo de UEA.

Por partopreni la konkurson HEF devis sendi subvenci-peton kun mallonga priskribo de la biblioteko kaj aldonan liston de preferataj libroj. El tiu listo, la libroservo de UEA sendis librojn ĝis atingo de la koncerna monsumo. La libroj staras jam sur niaj bretoj, registritaj kaj je la dispono de la membroj. Intertempe (tio estas, de kiam ni sendis la peton en septembro ĝis la ricevo de la subvencio en decembro), kvar el la libroj alvenis donace al nia biblioteko.




Jen la listo de la ricevitaj libroj:

Enkonduko en la teorion de lingvaj ludo (R. Selten)
Esperanto post la jaro 2000 (A. Korĵenkov)
La danĝera lingvo (U. Lins)
Serta gratulatoria (Universitato de La Laguna)
Al lingva demokratio (UEA)
Lingvistikaj aspektoj de E-o (J. Wells)
Poemo de Utnoa (A. Montagut)
Stokita vino (P. Thorsen)
Ni kaj ĝi (Waringhien)
Kunvojaĝu (P. Gubbins)
Pigre pasa la nokto (I. Nemere)
Kiel ĉiuj katetoj (A. Usakiewicz)
Gaja leganto per esperanto (Schwerin)
La vulpo kaj la vinberoj (G. Figueiredo)
Diccionari essencial E-catalá (H. Alós)
La gnomo (G. A. Bécquer)
Kulturo kaj teknologio (A. O. Urevbu)

Estis entute 14 subvencipetoj, ĉefe el eŭropaj bibliotekoj. Michela Lipari, UEA-estrarano pri kulturo, kaj Osmo Buller, ĝenerala direktoro, konsistigis la komisionon kiu decidis pri la aljuĝo, kun asisto de Simo Milojevic, libroservisto. Oni konsideris nur bibliotekojn ne financatajn de ne-movadaj instancoj.






**De la 22a ĝis la 25a de aprilo.**

Unuafoje en sia historio, HEF, kunlabore kun MEL, partoprenos ĉi tiun prestiĝan eventon, kiu ĉiujare altiras al Madrido plurajn milojn da homoj kun aparta intereso pri lingvoj. Tiucele, la asocio jam disponas standon por la ekspozicio, kiu daŭros de la 22a ĝis la 25a de aprilo.

Per sia partopreno HEF celas ne nur informi la publikon pri Esperanto, sed ankaŭ krei pozitivan etoson rilate al la lingvo. Cetere, HEF informos pri si mem kaj pri la Manifesto de Prago, diskonigante samtempe la ekziston de kursoj kaj aliaj aktivaĵoj.

Por tiu grava entrepreno HEF kaj Mel laboras jam de pluraj monatoj preparante ĉion necesan, ĉefe informmaterialon. La Prezidanto, s-ro Sancho, jam sendis malneton de la informa triptiko, kiun HEF uzos en Expolingua, al ĉiuj membroj de la Estraro, cele al polurado de eventualaj nekonvenaĵoj. Kaj teamo de kunlaborantoj kaj profesiuloj laboras super afiŝo, flugfolioj, katalogoj, testo-ludo kaj aliaj interesaj iniciatoj.

Kompreneble, la apero antaŭ la publiko estos kiel eble plej digna. Tial HEF luos konvenajn meblojn por akcepti interesitojn kaj eksponi sortimenton da elektiaj libroj kaj k-diskoj, muntos komputilan sistemon por prezenti per ĝi siajn novajn TTT-paĝojn en Interreto, kaj danke al novaj televidilo kaj magnetoskopo la publiko povos samtempe spekti ĉapitrojn de la video-kurso Mazi en Gondolando.

Nu, la hispana Esperanto-movado kopodos prezenti al la publiko modernan kaj allogan bildon. La ĵeto estas farita!



# Instruado

Ekde la 13a kaj la 30a de aprilo 1999, okazos denove kurso de Esperanto en la Fakultato pri Filologio de la universitato de Valencia (Hispanio), organizata de la Departamento pri Angla kaj Germana Filologio. Ĉi foje la akademia valoro de la kurso estos "tri kreditoj de Libera Elekto" (30 instruhoroj, po du ĉiutage), por ĉiu universitata studento kiu partoprenos, plus diplomo. Kiel en antaŭaj jaroj la kurso okazos en la Lingva Laboratorio de la fakultato.La direktoro de la kurso estos la doktorino Berta Raposo, kaj la profesoro Augusto Casquero. Pasintjare pli ol 50 gelernantoj ne povis partopreni la kurson pro manko da fizika spaco en la klasĉambro (deziris aliĝi pli ol duoblo de la tuta kapacito); pro tio ĉeokaze ĉi jare oni organizos duan grupon.

Krome ĉi jare okazas aliaj kursoj de Esperanto en Valencia, nome en la sidejo de Grupo Esperanto de Valencia, en la lernejo por plenkreskuloj de la Generalitat Valenciana "Reina Doña Germana", kaj en la Mezlernejo de Cheste.

Baldaŭ okazos kunveno kun la direktoro de la "Centro por Profesoroj" de Valencia, por pritrakti la eblecon okazigi tie kurson de Esperanto speciale por lernejaj profesoroj, por prepari ilin por instrui Esperanton oficiale en la bazaj kaj mez-lernejoj.

Augusto Casquero,
HEF-Estrarano pri Instruado



Pasintan 9an de decembro komenciĝis en IES Serrallarga, ŝtata mezgrada lernejo en Blanes (Girona), tri-monata kurso de esperanto kiel oficiala, devige elektebla studobjekto.

Ĝi estas unu el la t.n. "Variaj Kreditoj" kiujn la lernejo ofertas por ke lernantoj elektu kelkajn. Post la elekto partopreno en la kurso estas deviga kaj la lernantoj ekzameniĝas kaj ricevas noton (vidu artikolon pri tiu temo en Internacia Pedagogia Revuo n-ro 2/98 p.19). Aliĝis 7 gejunuloj inter 14- kaj 16-jaraj (averaĝa nombro por tiaj kursoj estas 12).

La kurson gvidas Pedro M. Martín, instruisto pri fremdaj lingvoj en la lernejo. Krom se estus malfavoraj reagoj de la lernantoj, la kurso ripetiĝos venontjare.

Se ankaŭ vi instruas en mezlernejo pristudu la eblecon fari la samon!

Kaj fine, mi deziras profiti la okazon por memorigi al ĉiuj kiuj interesiĝas pri la instruado de esperanto ke estus bona ideo aliĝi al Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.

Por pliaj informoj pri la kurso aŭ pri ILEI ne hezitu kontakti min.

*Pedro M. Martín,*
Reprezentanto de ILEI

# Ekzamenoj de ILEI

Ĉu vi konas vian nivelon de Esperanto? Kio povas instigi vin al la lernado de nia lingvo? Vi jam havas la okazon. Por la venonta monato de julio kaj kadre de la "58a Hispana Kongreso de Esperanto" kiu okazos en Castellón (Hispanio), 17-21 de julio 1999, ni enprogramigos la oficialajn ekzamenojn de ILEI.

Peton por oficialigi ilin ni jam faris kaj atendas la konfirmon. Ankaŭ mi petis ke representanto de ILEI restu ĉe ni dum la nacia kongreso por validigi la ekzamenojn; samtempe ni atendas la plej kompletan liston de konvenaj lernolibroj.

Ekzamenontoj skribu rekte al ni dirante la plej altnivelan lernolibron sukcese legita por orientigi al ni la preparon de la plej taŭga ekzameno, elementa aŭ meza, kaj la sekvonta legolibro por lerni el ĝi en la nuna lernojaro.

Kelkajn specimenajn ekzamenojn ni povas sendi al interesuloj.

*Juan Antonio Giménez*

## Ekzamenoj de ILEI

Mi volas aliĝi al la ekzamenoj de ILEI dum la hispana E-o kongreso.

Nomo: ....................

Antaŭnomo: ................

Adreso: ....................

Urbo kaj poŝta kodo: .........

Kongresa numero: ...........

Kopiu ĉi slipon kaj sendu ĝin al "58a Hispana Esperanto-Kongreso":

Ekzamenoj de ILEI
Grupo Esperanto de Valencia
Avd. Peris y Valero, 96, p-5
46006 VALENCIA (Hispanio)

---



# 58a HK

## Castellón, 17a—21a De julio 1999

**Kongresejo: Facultad de Ciencias Jurídicas y Económicas. Universidad "Jaime I", Campus de Riu Sec. Castellón**

| Kongreskotizoj: | ĝis 01-05—poste |
|---|---|
| Kongresano 1 (ne HEF-ano) | 3.500—4.000 |
| Kongresano 2 (HEF-ano) | 3.000—3.500 |
| Kunulo de Kongresano 1 | 3.000—3.500 |
| Kunulo de Kongresano 2 | 2.500—3.000 |
| Membro de grupo | 2.500—4.000 |

(Grupo estu minimume 15-homa).

Sendu la monon al Caja de Ahorros del Meditarraneo (CAM), Avenida Rey D. Jaime, 74; 12001 Castellón; cuenta "58° Congreso Español de Esperanto"; n-ro: 2090 0327 13 0000139612, kaj samtempe la aliĝilon kaj kopion de la konfirmo de la pago al la Kongresa Sekretario; Av. Burjasot 29, A-31; 46009 Valencia.




Nun disponeblas 4 dosieroj de Real Audio, el la albumo "Astral Egoency". Iom post iom, disponeblos muzikaĵojn el ĉiuj liaj albumoj, krom intervjuoj, kaj multe pli...

José F. Martín;
esperanto@ciudadfutura.com
http://www.ciudadfutura.com/esperanto

## Andaluzio

* Andaluzia Esperanto Unuiĝo pretigis du eldonaĵojn en la serio "Helenaj Klasikoj" (1 kaj 2). Temas pri: "Plutoso", komedio de Aristofano, tradukita de Eugéne Noél en 1906, rekompostita kaj iom komentariita de José F. Martín; kaj "Dialogoj de la dioj", verko de Lukiano, tradukita de José F. Martín. Fakte, ĉi tiu aperis antaŭ du jaroj kiel suplemento de Esperanto sub la Suda Kruco. La celo de la serio estas disponigi al ĉiu esperantisto verkojn de la klasikaj helenoj, ne plu akireblajn, sub malkara eldono.

* Andaluzia Esperanto-Unuiĝo ekigis la 20an de novembro elsendojn en Esperanto pere de la Interreto. Oni bezonas la programon Real Audio (senpage akirebla ĉe www.real.com).

La adreso de nia semajna programo estas: http://radioesperanto.webjump.com

Sendu komentojn, reagojn kaj kontribuojn al: esperanto@ciudadfutura.com

Niaj elsendoj estos precipe ne-esperantaj. Tamen, gravaj novaĵoj de Esperantio certe trovos sian lokon en nia angulo.

* De la 20a de novembro, oni povas legi kaj aŭskulti muzikon de Solo, en Esperanto, ĉe: http://www.ciudadfutura.com/esperanto/solo

## Aragono

La 15n de decembro la aragonaj esperantistoj festis la libro-tagon (Zamenhof-tagon) kunvenante en la sidejo de Frateco, kie samideano Antonio Valén faris paroladeton pri la biblioteko Doktoro Olavide. Je la fino oni povis ĝui kelkajn frandaĵojn en vigla kaj frateca etoso.

Kvar tagojn poste, la 19an de decembro, ĉirkaŭ 30 gesamideanoj kunvenis en la restoracio Zeus de Zaragoza por meti la finan punkton al la omaĝ-programo.

*A. Soriano*



## Asturio

La geesperantistoj de Asturio festis la Zamenhofan tagon la 20an de decembro 1998 en Gijón. Kiel kutime ĉiujare, kunfestis la membroj de la du e-grupoj de la regiono, nome Astura Esperanto-Asocio de Gijón kaj Esperanto Grupo «Antanŭen» de

Avilés. Entute kunvenis por la aktoj de tiu tago proksimume kvardeko da personoj.

La festa programo, jam tradicia ĉe la e-istoj de tiu ĉi urbo, konsistis en kunveno sur la strato Esperanto kun almetado de florbukedo honore al la Internacia Lingvo kaj ties iniciatinto Dr. Zamenhof. Sekve, en apuda preĝejo okazis meso en Esperanto, farita de la esperantista pastro Alejandro Rodríguez Alonso.

Fine, la asturaj gesamideanoj kunvenis en restoracio proksima al la strato Esperanto por festeni en gaja etoso. Akompanis nin en la aktoj de tiu tago la Ĉefredaktisto de *Boletín*, Miguel Gutiérrez Adúriz, kiu alparolis la kunvenintojn antaŭ la komenciĝo de la bankedo. Li asertis ke la Zamenhofa tagos estas ankaŭ la tafo de la libro en Esperanto, tre oportuna okazo do por ke la geesperantistoj donacu unu al la alian, aŭ al si mem, iun ajn verkon de la esperanta literaturo.

Bone disvolviĝis ĉiuj programeroj de la festo-tago kaj urba ĵurnalo raportis kaj publikigis foton pri ĝi. Ni nur bedaŭras ke la Prezidanto de Astura Esperanto-Asocio, Santiago Mulas Gallego, ne povis, pro subita malsano (feliĉe ne grava), partopreni la aktojn en kies organizado li estis partopreninta kun entuziasmo.

*Faustino Castaño*

## Eŭskio

* Ne la 12an, sed la 19an de Decembro, ni celebris la "Zamenhofan tagon" en la sidejo de la Grupo de Bilbao.

Komence, ni spektis 1-horan videobendon pri intervjuo farita al 4 membroj de nia asocio ĉe loka televid-stacio. Ĝi enhavis tre interesan surstratan enketon pri E-o al bilbaoanoj, bild-raporton pri la historio kaj nuna situacio de la Grupo, kaj la demandojn de ĵurnalistino al la 4 ĉeestantoj kaj al aliaj rondanoj.

Post la vid-bendo, sekvis duonhora debato pri la opinioj verŝitaj de niaj samideanoj.

Kaj por fini, la debato daŭris ĉirkaŭ la jam tradicia tablo plenplena de la trinkaĵoj kaj manĝaĵoj alportitaj de la ĉeestantoj; eĉ la plej junaj kaj diboĉemaj daŭrigis la feston tra diversaj drinkejoj de Bilbao.

* La 15an de Januaro komenciĝos perfektiga kurso, gvidata de Santiago Martin, kies ĉefa celo estos sukcesi ke niaj "eternaj komencantoj" kuraĝu uzi E-on kiel parollingvon, kaj ne nur por skribi leterojn aŭ legi librojn. Tiel estu!

* Kiel tradicie, la fortuno ne tuŝis nin la 22an de decembro, malgraŭ niaj belegaj loteri-kvitancoj, tute esperantigitaj. Tamen, ni volas danki al ĉiuj, kiuj aĉetis ilin, sian sindonemon kaj ke ili ne malesperu: iam trafos nin ia premio.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

## Kie?

**Kiu urbo organizos la Hispanan Kongreson de la jaro 2000?**

**Ĉu ni kunsidos en la nordo aŭ en la sudo de la lando?**

**Nu, se vi volas ke via urbo, aŭ vilaĝo, estu kongresurbo en tiu aparta dato, kontaktu kiel eble plej frue la CO-on de HEF.**



*De dekstre: F- Dávila (kasisto),*
L. Trujillo (Prezidanto),
A. Ferrer (Sekretario)



*D-ro Blanke prelegas*

## Kanariaj Insuloj

* D. Blanke prelegis en esperanto pri interlingvistiko, kadre de la Fakultato de Filologio, Dep. de angla kaj germana lingvoj, okaze de sia vizito al Tenerifo por ĝui etan libertempon ĉe Puerto de la Cruz. La titolo de la prelego estis: "Lingvistika fenomeno: artefarita lingvo fariĝis natura. La kazo de Esperanto".

Tiun prelegon oni povas rigardi prologo al la esperanto-kurso komenconta la venontan marton. Kiel sciate, nove, estis eble akceptigi e-kurson, je niaj petoj kaj argumentoj, kiu plenigas la bedaŭran k. longan parentezon post kiam malaperiĝis la Univ. Instituto pri Lingvoj (1981). En la jaro 1963, kiel homaĝo al D-ro. Maynar Duplà, pioniro de la esp. movado en Kanarioj kaj Katedra Profesoro kaj estinta Rektoro de la Univ. de La Laguna, la tiama estraro de la Univesitato decidis krei esp. katedron en la Inst.pri Lingvoj, kiu funkciis dum 18 jaroj gvidita de Prof. Régulo Pérez. Tiu katedro, eble, estis la ununura universitata katedro pri esperanto en la mondo. Kvankam la nuna kurso estas nur elektebla seminario (3 kreditoj), ni konsideras ke ĝi estas unua stupo por atingi pli ambiciajn celojn, ekzemple, refondi la esp. katedron en nia universitato. La tridek ofertitaj sidlokoj estis tute elĉerpitaj, kelkiuj devis rezigni sian intencon matrikuliĝi.

* ESTO laboras jam super la 2a Renkontiĝo de Kanariaj Esperantistoj, kies detalojn oni povas koni pere de la interreta adreso: http://www.geocities.com/Athens/Acropolis/2516/

* La pasintan 13an de decembro, okazis la ĝenerala jara asembleo de ESTO, prezidita de Prof. Leandro Trujillo. Post la kuveno, kiel kutime, la ĉeestantoj celebris la Zemenhof-tagon kunsidante ĉe frata tablo.

*Prof. Leandro Trujillo Casañas*

## Kantabrio

La 11an de decembro, 24 e-istoj kaj simpatiantoj festis la "Esperantan Librotagon" (Zamenhof-tagon). Je la oka vespere okazis renkontiĝo en la asociejo, kie la ĉeestantoj spektis vid-bendon kaj aĉetis librojn, k-diskojn kaj kasedojn. Poste, en

*Palma*, apuda kafeterio, oni ĝuis bonegan vespermanĝon en tre gaja etoso.

*P.U.L*

## Kastilio-Leono

Samideano César de Mosteyrín daŭre instruas en Segovio, en la preĝejo "Cristo del Mercado", lunde je la 18a horo.

*Lupe Sanz*

## Katalunio

* La Ĝenerala Kunsido de KAE okazos en *C. Civic Creu Alta* de Sabadell la 31an de januaro kaj la tagordo estos jena: 1) Aprobo, aŭ ne, de la protokolo de la Ĝenerala Kunsido de 1998. 2) Informo de la Sekretario pri la laboro de KAE dum 1998. 3) Informo de la sekcioj. 4) Informo de la Kasisto pri la financa situacio. 5) Parta renovigo de la Estraro. 6) Projektoj por 1999. 7) Demandoj, sugestoj kaj proponoj.

* Kiel antaŭvidite, la 15an de novembro, je la 12a horo, la urbestro de Sentmenat, s-ro Josep Vilaró, ĉirkaŭata de pli ol duoncento da homoj inaŭguris la straton "Esperanto" en la nova kvartalo *El Padró*. La urbestro reliefigis la valoron de Esperanto, "lingvo de interkomunikado super ĉiuj gepatraj lingvoj". La Prezidanto de Kae kaj Vicprezidanto de HEF, Josep Maria Galofré donacis al la reprezentantoj de la urbo pergamenon kiel memoraĵon. Sur la tabulo kie aperas la nomo de la nova strato, kune kun verda stelo, aperas ankaŭ jena indiko: "Honore al D-ro Zamenhof, kreinto de la Internacia Lingvo". La samideanaro festis la eventon per frata kunmanĝado en loka restoracio. La novaĵo aperis du foje en "Diari de Sabadell", la 14an kaj la 17an kun foto pri la inaŭguro.

* En Sant Cugat del Vallés okazis la 8an de novembro alia renkontiĝo por babilado sub la temo: Ĉu la nuna e-movado povus





Esperantistoj en la "Ronda Zamenhof" de Sabadell

vivi sen la veteranoj? Al la alvoko alvenis 41 gesamideanoj, kiuj sen troa debato venis al la konkludo ke nia movado tute ne povus vivi sen niaj pliaĝuloj. Inter la ĉeestantoj estis s-ro Salvador Gumá (97-jara!).

* La 13an de decembro, organizita de KAE, okazis la Zamenhof-festo. Je la tagmezo grupo el 60 geesperantistoj kunvenintaj en *Ronda Zamenhof* de Sabadell metis florbukedon ĉe la piedo de la monumento al la iniciatinto de Esperanto. Poste oni metis alian florbukedon ĉe la strato dediĉita al la samideano Lluís Mimó Espinalt. Frata kunmanĝado en la restoracio "Parc Catalunya" metis finon al la programo. Pri la novaĵo raportis *Diari de Sabadell*, kun foto, kaj *El Nou*.

* En la antaŭa Boletín ni "forgesis" (kaj pardonpetas pro tio) informi pri la kunveno organizita de BEC (Barcelona Esperanto-Centro) kun la kunlaboro de la verkisto Manuel de Seabra kaj ties edzino, Vimala Devi. La aŭtoro de *La armeoj de Paluzie* kaj *Promeso en obskuro*, ĵus aperinta, informis la ĉeestantojn pri sia iniciato kaj demarŝoj por kandidatigi s-ron Willian Auld por la Nobelpremio pri Literaturo.

* BEC festis la 139an naskiĝ-datrevenon de Zamenhof la 15an de decembro en sia propra klubejo. Du el la programeroj estis lunĉo (kial ne?) kaj prezentado de la video-filmo "La Barcelona Akvario" filmita de samideano R. Guell.

Kompreneble, ĉar la Zamenhof-tago estas la **Libro-tago**, BEC invitis la verkiston Manuel de Seabra por prezenti sian lastan verkon eldonitan de IEM: Promeso en obskuro. La ĉeestantoj profitis la okazon por aĉeti la libron kaj peti subskribon de la aŭtoro.



Aragay, Vimala Devi kaj Seabra

## Madrido

* En gaja etoso renkontiĝis 37 madridaj gesamideanoj, inkluzive de kelkaj vizitantoj el Valadolido kaj Valencio, por festi la Zamenhof-tagon la 12an de decembro. Vigle babilis la veteranoj (inter aliaj Lucrecia San Antonio, Gerardo Flores kaj Angel Figuerola) kun la nunaj aktivuloj (ankaŭ pluraj pasivuloj) de Madrida E-Liceo kaj de la oficejo de HEF. Ĉe la fino kelkaj deklamis poemojn kaj Augusto Casquero laŭtparolis menciante la karan memoron de Juan Carlos Ruiz Sierra.

*Manolo Parra*

Zamenhof-Festo en Madrido







* Kursoj:Centro Cultural "Maestro Alonso" (kvartalo Ventas). Baza kurso, merkrede 18.30 ĝis 19.300. Profesoro Antonio Tur. Supera kurso, merkrede 19,30 ĝis 20,30. Instruas Carmen Suárez. Centro de Día Puente de Toledo, Mercedes Arteaga 18. Por triaaĝuloj lunde matene.

* La Ĝenerala Kunsido de MEL okazos la 25a de januaro je la 18.30 en unua kunvoko kaj je la 19.00 en dua, en Rodríguez San Pedro 13-3-7. Jen la tagordo: 1) Informo pri membraro. 2) Legado kaj eventuala aprobo de la antŭa protokolo ("Nia Voĉo" Februaro 98). 3) Detala raporto pri MEL-agado dum la jaro 1998 ("Nia Voĉo" Decembro 98). 4) Prezento de programo realigebla por la jaro 1999 ("Nia Voĉo" Januaro 99). 5) Aktuala konto-etato de MEL ("Nia Voco" Januaro 99). 6) Buĝeto por 1999 (Kune kun "Nia Voĉo" Januaro 99). 7) Sugestoj, demandoj kaj ties laŭokazaj konkludoj.

*Lupe Sanz*

## Tutlande

* La decembra numero de la ĵurnalo CNT (organo de la anarkista sindikato) aperigas preskaŭ kvaron-paĝan artikolon en esperanto, subskribitan de iu "Kani" el Don Benito (Badajoz). La aŭtoro rakontas kiel pasintjare li lernis la lingvon kaj partoprenis la UK-on en Montpeliero. HEF jam sendis gratul-leteron al la ĵurnalo, ĉar ne oftas ke ekstermovada komunikilo uzas esperanton kiel normalan lingvon.

*Manolo Parra*

* Alexandre Xavier Casanova preparas ĉialingvan antologion, kun unu teksto por ĉiu lingvo, akompanata de ĝia Esperanta traduko. La antologio havos ĉirkaŭ 3.500 tekstojn. Li petas tekston el viaj naciaj lingvoj, kompreneble kun iliaj E-tradukoj; kaj se eble, kun fonetika transskribo aŭ sonbendo. Preferindas tekstojn ĝis kvin paĝoj, po kvincent vortoj. Adr.: Calle de las Peñuelas 18, piso cuarto C., Codigo postal 28005 Madrid, Hispanio.

## Valencio

Kiel tradicie, ĉi jare la 19an de decembro, la esperantistoj de Valencia festis la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhoj per diversaja aranĝoj. Je la 12a matene oni metis laŭrkronon sur la memortabulon de la kreinto de Esperanto, en la Zanenhof-strato. Poste, je la 13a, samideano Juan Antonio Giménez alloge prelegis en la sidejo de Grupo Esperanto de Valencia pri la pasinteco kaj estonteco de nia internacia lingvo. Fine okazis bankedo en la restoracio "La Estrella", kun ĉeesto de multaj gesamideanoj, en tre agrabla etoso, kaj kun bongustegaj pladoj.

*Augusto Casquero*

* La pasintan 13an de decembro oni festis la Zamenhofan tagon en Alicante ĉe alloga restoracio, kie kunvenis dudeko da gesamideanoj. Dum la posttagmezo oni daŭrigis la renkonton en proksima kafejo por babili kaj informi pri la Valencia-Murcia E-Kongreso okazonta en Lorca (Murcio) la 17an kaj 18an de Aprilo 1999. Ĉiuj ĉeestantoj montris sin pretaj partopreni la venontan Hispanan Kongreson de Esperanto en Castellón.

*José Mª Bernabéu*

# LASTHORE

## Asturio

Astura E-Asocio ricevis inviton partopreni en la 1a Festo de la Lingvoj (1ª Fiesta de las Lenguas) okazonta en Gijón (1999.03.11-13).

La evento estas en rilato al ampleksa tut-eŭropa programo kies celo estas aktiva

# Novaj membroj de HEF en 1998

Pedro Báez Betancort (Madrid)
Josette Braem Vam Peteghem (Callosa de Segura, Alicante)
Carlos Casal Muñiz (Posada de Llanes, Asturias)
J. Antonio del Olmo Garrote (Valladolid)
David Garrido Calvo (Parla)
Óskar Gonzalo Núñez (Parla)
Joaquín Gras Rocamora (Callosa de Segura)
Pere Juliá (Palma de Mallorca)
Mª del Carmen Lázaro Martín (Madrid)
José Ignacio Martín Jiménez (Madrid)
Víctor Maynou Gómez (Madrid)
Johano Negrete (Caracas)
Ana Rodríguez Navas (Madrid)
Artesino Rodríguez Vázquez (Lugo)
Rafael Santo Domingo (S. Carlos Rápita)
David Trigo Pérez (Madrid)
Jaime Vinielles de Pereda (Madrid)

La sekreatrio

praktikado de lingvoj. La "foiro" estos senpage alirebla de la publiko. Nu, jen tre bona okazo por prezenti Esperanton.

## Katalunio

* La 17an de januaro 29 gesamideanoj ĉeestis E-Babilado en "Ateneu Cultural d' Horta" en Barcelono. La temo estis "La rilatoj inter gepatroj kaj gefiloj en nia socio". Je la fino s-ro Ferrér prezentis kolekton de 9 libroj pri rakontoj, kurso laŭ la Zagreba Metodo, prelegoj de Ivo Lapenna, ktp. Li donacis la librojn al la ĉeestantoj, kiujn li regalis per apetitiga bufedo. Sekvis komuna tagmanĝo.

* KAE organioas alian babiladon en *Centre Civic Creu Alta* (1999.02.21) de la 11.00 ĝis la 13.00. La temo estos "La nova jarcento, la nova jarmilo". Post la debato okazos frateca tagmanĝo en loka restoracio "Parc Catalunya".

*Luis Serrano*

## Madrido

MEL daŭre kunvenas, lunde ekde la 18.30 en Rodríguez San Pedro 13-3°-7. La madrida asocio jam programis jenajn prelegojn: 15an de februaro "La cirko dum 1998" fare de J. Francisco Platas, kaj la 15an de marto "Iberaj pejzaĵoj: Andaluzio" prokejcio de lumbildoj.

*Lupe Sanz*

## Tutlande

* Samideano César Mosteryrín atentigas nin pri jena paragrafo aperinta sur la 81a paĝo de la libro "Santigo Carrillo, un joven del 36", eldonita de Planeta en 1996: *"Era antes de la guerra, cuando en la Casa del Pueblo de Madrid acudíamos a clases*



*Santiago Carrillo iama prezidanto de la Komunista Partio*

*de esperanto comunistas, socialistas y algún trotkista suelto. Coincidíamos todos en la esperanza idealista de que el doctor Zamenhov nos porporcionara una lengua universal que serviría en el futuro para que todos los humanos nos entediéramos con ella".*

* En la TVE-programo "Negro sobre blanco" (99.01.03). La "filozofo" Raimon Panikkar asertis, responde al demando farita de la verkisto Fernando Sánchez Dragó, ke oni tute ne povas preĝi aŭ amori per esperanto, kaj ili demandis sin kiel oni diras "te quiero" en esperanto. La redakcio de la programo ricevis tujan telefon-vokon de s-ano Rodrigo Vaquera kaj plurajn tre interesajn ret-leterojn eĉ el Francio kaj Belgio.

## TVE senkulpigis sin

**F. S. Dragó, gvidanto de la programo "Negro sobre blanco", publike (99.02.07) petis senkulpigon pro la eventualaj ĝenoj kaŭzitaj al la e-istoj en unu el liaj programoj. Li eĉ parolis pri la ebleco prezenti tutan programon dediĉitan al la esperanta literaturo.**




# Bus-karavano al la UK de Berlino

Grupo Esperanto de Valencia organizas vojaĝkaravanon al la Universala Kongreso de Esperanto en Berlino (Germanio), laŭ jena programo:

29a julio: Frumatene, eliro de la aŭtobuso de Valencia. Alveno en Ĝenevon (Svislando) fruvespere kaj tranoktado, kun vespermanĝo.

30a julio: Matenanĝo. Eliro el Ĝenevo kaj alveno en Munkenon (Germanio), kun tranoktado kaj vespermanĝo.

31a julio: Matenmanĝo. Eliro de Ĝenevo kaj alveno en Berlinon posttagmeze. Tranoktado.

Restado en Berlino kun tranoktadoj kaj matenmanĝoj, ĝis la 7a de aŭgusto.

7a aŭgusto.- Tagmeze, eliro de Berlino, kaj vespere alveno en Torun (Pollando), kun partopreno en la 9a Internacia Esperanto-Kongreso. Restado en Torun, kun tranoktado nur, kaj partopreno en la programo. Eventualaj tuttagaj ekskursoj: 1) Al la belaj urboj Dancing, Sopot kaj Gdynia, ĉe la Balta Maro, kaj al la impona kastelo de la templaj kavaliroj en Malbork. 2) Al la ĉefurbo Varsovio.

11a aŭgusto: Eliro de Torun, kaj survoje al Prago ebla halto por viziti la plej faman dipatrinan pilgrimejon de la tuta orienta Eŭropo, Chenstochova. Alvenon en Prago. Tranoktado kaj vespermanĝo.

12a aŭgusto: Matenmanĝo, eliro kaj alveno en Zurich (Svislando). Tranoktado kaj vespermanĝo.

13a aŭgusto: Matenanĝo, eliro kaj nokte alveno en Valencio.

La vojaĝo okazos per moderna kaj komforta aŭtobuso. La prezo kun loĝado en dulitaj ĉambroj, ĉiam en urbocentroj (ankaŭ en Berlino), estos entute ĉirkaŭ 90.000 pesetoj, se aliĝas pli ol 30 homoj. Oni akceptos maksimume 35 vojaĝantojn.

Por tiuj kiuj ne deziras vojaĝi per la aŭtobuso, ni disponigos ĉambrojn en Berlino por 4.200 pesetoj (ĉiu persono unu nokton), en dulita ĉambro, en la urbocentro de Berlino, ĝis kiam ne plu restos pli da liberaj litoj en la hotelo. Tiuj kiuj deziros unulitan ĉambron devos pagi aldonan sumon. Pli da informojn petu al Augusto Casquero. Telefonnumero 96-340-13-69, nur je la manĝo-horoj.

**— ĥ —**

**Ridindan eraron ni faris ĉe la kompostado de "Lingva Angulo" (Boletín 338). Fakte, la malapero de la litero "ĥ" en la titolo kaŭzis ioman miron ĉe kelkaj legantoj. Bonvolu do legi ne la vorton "inoj" sed "ĥinoj".**

**Dankon pro via komprenemo.**




## Libroj donacitaj de Antonio Alonso

— Serta Gratulatoria in Honorem Juan Régulo. Vol. II. Universidad de La Laguna. 1987

— Esperanto por infanoj. Gladstone Solomon, G. The esperanto publishing company. 1956.

— A practical course in esperanto. Szilágyi, Ferenc. The esperanto publishing company. 1959.

— Ĉu vi parolas tendare? Corsetti, R kaj La Torre, M. Tejo kaj Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino. 1980.

— Nuevo método de esperanto para clases y autodidactas. Diego, Fernando de. Heroldo de esperanto.1982.

— Klerigkibernetiko. Frank, Helmar G. Akademia libroservo de AIS San Marino. 1996.

— La homa vivaventuro. Moya, Giordano. Barcelona E-Centro. 1987.

— Hispanujo (dispublikigo kaj propagando). Eldonaĵo de la Reĝa Delegito por Turismo kaj Artkulturo. 1926.

— La skandalo pro Jozefo. Vinar, Valdemar. Ĉeha E-Asocio. 1981.

— Viveroj. Castelao. Universitato de Santiago de Compostela. 1983.

— Ibere libere. Neves, Camacho, Dek, Fernández. Pro Esperanto. (sen eldondato).

— Lirikaj perloj de Al-Andalus. Marco Botella, A. Institución "Fernáando El Católico". 1995.

— Lirikaj perloj de Al-Andalus. Marco Botella, A. Fundación Esperanto. 1995.

— Esperanto 1. Szerdahelhy, I. Lernolibro-eldonejo. 1972.

— Esperanto 2. Szerdahelhy, I. Lernolibro-eldonejo. 1972.

— Curso de esperanto "Método Bilbao". Grupo Esperantista de Bilbao. 1989.

— Esperanto. Curso introductorio y notas, de Antonio Alonso. 1983.

## Libroj transdonitaj de la Libroservo

— La ĉashundo de la Baskerviloj. Conan Doyle, A. Serio Mondliteraturo, vol. 6. 1998.

— Imperativoj de la vivo. Rohden, H. Spirita Eldona Societo F. V. Lorenz. 1983.

— Spiritaj mesaĝoj. Ubaldi, P. Spirita Eldona Societo F. V. Lorenz. 1989.

— Almanako Lorenz, 1984.

— Almanako Lorenz, 1988.

— Almanako Lorenz, 1994.

— Almanako Lorenz, 1996.

— Almanako Lorenz, 1997.

— Anuario Espírita, 1998.

— ... kaj la plej nobla estas AMO. A. M. Spirita Eldona Societo F. V. Lorenz. 1993.

*Ana Manero*



# UEA transiris al eŭro

Eŭro, la komuna mono de 11 landoj de Eŭropa Unio (AT, BE, DE, ES, FI, FR, IE, IT, LU, NL, PT) estis enkondukita la 1an de januaro. Dum la unuaj tri jaroj ĝi estos nur kontovaluto kaj funkcios apud la koncernaj naciaj valutoj. Fizikan formon eŭro ricevos la 1an de januaro 2002, kiam ekcirkulos eŭraj monbiletoj kaj moneroj.

Unu eŭro (EUR) egalas al 2,20371 NLG. Respektive 1 NLG estas 0,45378 EUR. Ekde la 1a de januaro la librotenado de UEA estas farata en eŭroj. Oni tamen povas daŭre fari pagojn al UEA en guldenoj kaj aliaj konverteblaj valutoj, sed ĉe la librotenado ili estas konvertataj en eŭrojn. Sekve ankaŭ la konteltiroj de la UEA-kontoj estos eŭraj. La konteltiroj kun la dato 1998-12-31 indikis la en- kaj elpagojn kaj la finan saldon ankoraŭ en guldenoj.

Estas rekomendinde ke ekde nun la uzantoj de la kontoservo de UEA indiku siajn pagojn en eŭroj. Tio ne estas deviga, sed tio ŝparas laboron al la CO kaj plirapidigas la traktadon de la pagoj. Ĉar eŭro estas la librotena mono de UEA, ankaŭ aliaj Esperanto-organizaĵoj, eldonistoj de libroj kaj gazetoj, organizantoj de Esperanto-aranĝoj ktp. — ankaŭ en ne-eŭraj landoj — estas petataj ekde nun fiksi siajn prezojn kaj kotizojn en eŭroj anstataŭ guldenoj.

Ankaŭ la prezoj de la libroservo de UEA estas ŝanĝitaj al eŭroj. La rubriko "Laste aperis" de la revuo ESPERANTO indikas eŭroprezojn unuafoje en la februara numero. En la kotiztabelo de UEA por 1999 la kotizoj por la eŭrolandoj restas ankoraŭ en la nacia valuto, ĉar la tabelo estis fiksita pasintjare. Tial ankaŭ la ĉi-jaraj kotizoj por aparte menciitaj landoj kun nestabila aŭ nekonvertebla mono estas guldenaj. (Temas pri AR, BR, BG, IS, IL, KR, PL, RU kaj ZA.) Por aliaj landoj, por kiuj validas malalta tarifo, la Centra Oficejo jam difinis eŭrajn kotizojn. (Ili aperos en la februara numero de ESPERANTO kaj oni povas peti informojn pri ili ankaŭ de la CO.)

En la Dua Bulteno de la Berlina UK la prezoj de loĝado, ekskursoj k.a. servoj estas eŭraj. La kongresaj aliĝkotizoj estos







*Kep Enderby Prezidanto de UEA*

fiksitaj en eŭroj unuafoje por la Tel-Aviva UK.

La Centra Oficejo de UEA antaŭvidas, ke iom da konfuzo kaj prokrastoj ne estos eviteblaj dum la 3-jara transiro, precipe en la unua jaro, kiam kaj la membroj kaj la stabo de la CO devos alkutimiĝi al la nova valuto. Ni estu komprenemaj kaj atentemaj, kaj klopodu lerni rapide!

Rekomendinda libreto por interesitoj, kiuj deziras ekscii pli pri eŭro, estas "Eŭro: ecoj kaj sekvoj por ĉiuj" de Marc Vanden Bempt, eldonita de Flandra Esperanto-Ligo en 1997; prezo: 3,55 EUR.

# Malferma Tago

La 9a Malferma Tago en la CO de UEA, la 28an de novembro, allogis 150 vizitantojn. Tio estas nova rekordo, kiu multe superas la antaŭan (120). Pro la fizikaj limoj de la domo de UEA la nova rekordo apenaŭ plu estos superebla.

La ĉefa gasto estis Claude Piron, kiu fascinis la aŭskultantojn per du prelegoj pri siaj spertoj i.a. kiel interpretisto, kiuj donis al li, kaj sekve al liaj aŭskultantoj, abunde da argumentoj pri tio, kial Esperanto estas "la bona lingvo". Lusi Harmon, la "patrino" de la vidbenda kurso "Esperanto: pasporto al la tuta mondo", prezentis tiun novan 15-lecionan kurson, de kiu la unuaj kvar lecionoj jam estas aĉeteblaj. La nederlanda kantgrupo Akordo koncertis dufoje dum la tago. Oni povis ankaŭ spekti la nederlandan televidan filmon "La postlasaĵo de D-ro Zamenhof".

Inter la programeroj la gastoj estis regalitaj per viena kafo, kiun donacis Radio Aŭstria Internacia. Ili havis ankaŭ okazon konatiĝi kun William Harmon — kiu, same kiel Claude Piron, ĉi-jare fariĝis honora membro de UEA — kaj Miĉela Lipari, la ĝenerala sekretario de UEA.

La kaso de la libroservo montris fine de la tago sumon, kiun ĝi normale atingas nur dum vigla tago en Universala Kongreso. Temis pri 10933 gld., kio signifas 55-procentan kreskon kompare kun la antaŭa rekordo de 7041 gld. (aprilo 1998). Plej multe furoris la libroj "Bona lingvo" kaj "Tien" de Piron/Valano, la kompakta disko "Muzik-pluvo" de Akordo kaj la nova UEA-eldonaĵo "Homaj rajtoj: demandoj kaj respondoj".
















## Malto

7a Internacia Turisma Semajno en Malto, de la 4a ĝis la 10a de septembro 1999. La programo antaŭvidas:

a) Kulturajn ekskursojn, i.a. al la ĉefurbo de Malto, VALLETTA, kaj al la malnova ĉefurbo MDINA; al la famaj pratemploj HAËAR QIM kaj MNAJDRA; al la ronda preĝejo en MOSTA, la tria en Eŭropo laŭ grandeco; kaj al GOZO, la dua insuleto de la Malta arkipelago.

b) Sunbanadon kaj naĝadon en la mediteranea maro.

c) Prelegojn pri la malta historio kaj literaturo, kaj pri la loka Esperanto-movado.

Programoj kaj aliĝiloj haveblas ĉe: Malta Esperanto-Societo; P.O. Box 142; Valletta CMR 01; Malta.

## Esplori kaj scii

Jen la temo de la IJF (Internacia Junulara Festivalo), kiu okazos de la 31/3 ĝis la 6/4 de 1999 en Rimini, Italio. La IJF havas la honoron inviti tri profesorojn de Akademio Internacia de la Sciencoj por prelegi dum la festivalo.



Tial ni invitas ĉiujn kiuj deziras lerni, scii kaj esplori altnivele, i.a. por ekscii pri la eblecoj studi per esperanto universitat-nivele. La tri kursetoj donas po unu Internacian Krediton (kiu povas doni meriton en propra universitato) estas profesoro Carlo Minnaja: "Ĉeneroj por historio de la esperanto-literaturo." Profesoro Renato Corsetti: "Denaska lingvoakirado kun aparta konsidero de Esperanto" kun enkonduko al ĝenerala psiĥolingvistiko kaj lingvolernado. Profesoro Reinhard Foessmeier: "Sekureco en komputila komunikado: Legitimado kaj ĉifrado" pri metodoj por certigi la verecon kaj sekretecon de elektronikaj informoj, ekz. retpoŝto, banko-transferoj, ktp.



Cetere IJF "Esplori kaj Scii" celas, ke ne nur universitatanoj parolu! Estos prelegoj, studrondoj kaj laborgrupoj pri rok-muzi-

ko, instruad-sistemoj, farado de ret-paĝoj, programado de Javo, lingvokursoj kaj multe pli.

Se vi havas scion aŭ povon, kiun vi ŝatus dividi kun aliaj, anoncu vin por la tema programo ĉe Jacob Nordfalk, nordfalk@fys.ku.dk ++45 26206512.

Ĝeneralaj informoj pri IJF estas ĉe http://www.esperanto.it/iej/ijf/




## Kubo

KEATUR invitas vin al La 3a Kongreso de Kuba Esperanto-Asocio en Havano de la 11a ĝis la 13a de marto 1999. Profitu la okazon kaj vizitu la belan karibian insulon dum du semajnoj, de la 8a ĝis la 21a de marto, (eblas resti trian semajnon). La veturado surloke ĉiam estos en luksa aŭtobuso aŭ taksio, krom la enlanda flugo el Havano al Santiago de Kubo, kaj okazos grupe. Cetere, loka esperantisto akompanos la vizitantojn en la diversaj ekskursoj.

Nu, ĉar la ekskursoj en Havano estas fakultativaj mi mencias la diversajn prezojn aparte: La 8an de marto alveno al Havano (prezo: vidu restado en Havano). 9-11an: Vizito al Vinales — Pinar del Rio. Tri tagojn kaj du noktoj. Vizito al turisma centro "Soroa", "La Terraza", "Cigarfabriko", "Rumfabriko", historia muro, kaverno "El Indio"," Vinales", vizito al la kamparanoj (prezo: 150 dolarojn). 11-13an: partopreno en la kongreso. Tranoktado 7 noktoj en Havano, kongresa, kotizo (prezo: 355 $). 14-16an: Ekskursoj en Havano (fakultative). La 14an matene: Promenado tra la kolonia parto de la urbo; Vespere: Vizito al la ceremonio de la kanonpafado. La 15an matene: Promenado tra la moderna urbo. La 16an matene: Vizito al la kastelo de la tri reĝoj de la Morro (prezo loĝado: vidu kongreso

Prezo ekskursoj: 45 $). 17an: Enlanda flugo de Havano al Santiago de Kubo: 80 US dolarojn

Santiago de Kubo: 17an: Vespera promenado tra la urbo kaj vizito de la domo de la Trobadoroj. 18an: Vizito al "San Pedro de la Roca" lumturo de Santiago. 19an: Vizito al la preĝejo "El Cobre" kaj la tombejo "Sancta Ifigenia" 20an: Vizito al la strando (Alternativa ekskurso eblas). 21an: Vojaĝo al aŭ reflugo al la forira flughaveno. Prezo: 132 $ (krom la vojaĝo al la reflugloko). Flugo al la forira flughaveno (prezo depende de loko, ekz. Havano 80 $). Informoj kaj aliĝo: KEATUR@ip.etecsa.cu42S

## TEJO-seminario

En Torino, Italio, inter la 25a de aprilo kaj la 2a de majo 1999, okazos la seminario "Lokaj kulturoj en globala mondo" subtenata de Eŭropa Junulara Fondaĵo de la Konsilio de Eŭropo.

Pri la temo: lastatempaj ŝanĝoj en la politika, ekonomia, ekologia, kultura, scienca ktp. terenoj de la homa vivo ŝajnas krei iun novtipan unuecon, la mondon kiel "tuttera vilaĝo". Danke al novaj komunik-

rimedoj (speciale la interreto) pli kaj pli fortiĝas la sento kaj konscio de homoj pri tutmondeco, kiu bruligas la tradiciajn limojn inter nacioj kaj kulturoj.

En tiu nova mondo de globalaj, supernaciaj tendencoj la bezono por nacinivelaj strukturoj malkreskas. Samtempe naskiĝas iu nova interesiĝo de homoj pri siaj plej proksimaj, lokaj komunumoj, en ties politikaj decidoj, ekonomiaj interesoj kaj lokaj kulturoj. Globala scio kaj lokaj specialaĵoj devas kaj povas bone kunekzisti, kiel ekzemple en la kazo de tutmondaj kaj regionaj amaskomunikiloj.

Dum la seminario ni serĉos respondojn al demandoj kiel: Kiujn ŝancojn lokaj kulturaj tradicioj havas por transvivi en la nova kultura homogeneco? Kiel diversaj partoj de lokaj kulturoj povas integriĝi en tutteran kulturon? Kiuj teknikoj kaj manipuladoj karakterizas la amasproduktadon de la tuttera kulturo? Kiel lokaj kulturoj povas protekti siajn interesojn kontraŭ ĝi? Kiun rolon povus havi iu neŭtrala internacia lingvo en tiu tuta scenaro?

La ĉefa celgrupo estas junaj E-parolantoj (ĝis 30 jaroj). La partoprenantoj ne nepre havu specialajn konojn pri la temo, sed oni atendas ke ĉiuj aktive partoprenu la teman programon. Entute estas 25 lokoj.

La seminariejo estas renovigita ekslernejo en junulargastejo kun diversaj plurlitaj ĉambroj kaj salonoj por ludi, danci aŭ trinkumi, gimnastikejo kaj eĉ vaporbanejo.

La partoprenantoj ricevos repagon de 50% de siaj vojaĝkostoj, ĝis maksimume 50% de duaklasa trajnbileto. Kotizoj por Eŭropa Unio 120 NLG. La kotizo inkluzivas la programon, ĉiujn manĝojn kaj loĝadon en la junulargastejo. Kiu ne estas individua membro aŭ Patrono de TEJO devas krompagi la TEJO-kotizon, kiu validas por sia lando. La limdato por aliĝi: 15an de marto.

La aliĝilon sendu al Griŝa Arosjev: Grigorij L. Arosjev; 117071 a/ja 31, Moskva, Rossija (Rusio); tel: +7-095-476-14-72; rete: arosjev@usa.net







## Pluezek Esperanto 22

Tria Internacia Renkontiĝo okazos en Plouezec, Urbeto ĉe la marbordo, 35 km okcidente de Saint-Brieuc, en tute nova junulrestadejo, de la 20a de Aŭgusto ĝis la 27a de Aŭgusto. 3 kursoj, 3 niveloj.

Atilio Orellana Rojas, argentinano fakisto de rekta metodo, estrarano de ILEI gvidos la du unuajn nivelojn, kaj Dmitrij Cibulevskij, ukrajno; fama perbicikla vojaĝanto verkisto kaj preleganto gvidos la konversacian rondon.

Ĉiutage, Post la tagmanĝo, oni promenos en la regiono, kaj en la vesperoj okazos diversaj aranĝoj: prelegoj, dancoj, kantoj, lumbildoj, ktp.

Informoj: Pluezek Esperanto 22; Roger EON 5 , Kervilin Izelan; FR 22470 Plouezec; Francio. Tel. kaj fakso 33-2-96-22-77-17 rete: eon@club-internet.fr aŭ ndre.rigault@wanadoo.fr




sia reklamo speciale preparita. Certe kelkaj milionoj da kubanoj informiĝis pri Eo kaj la festivalo dum tuta semajno antaŭ kaj dum la evento okazis.

Dum la fina aranĝo estis anoncite ke venontjare, en marto okazos la tria nacia kongreso en Havano kaj tiucele oni jam laboras kaj invitas eksterlandajn samideanojn veni al Kubo kaj renkontiĝi kun la kubaj homoj kaj kulturo.

*Maritza Gutierrez*

## Kubo

Inter la 20a kaj 22a de novembro okazis en la urbo Santiago de Cuba, la dua kultura festivalo de Esperanto, kiun partoprenis 120 kubaj esperantistoj kaj eksterlandaj vizitantoj.

La evento konsistis el prelegoj pri Eo en la internaciaj rilatoj, pri la poetika arto de Jose Marti (kun traduko kaj prezento de poemoj), pri la laboro de Dro Fernando Ortiz favore al Eo komence de la jarcento (Ortiz estis elstara scienculo) kaj ankaŭ pri la kontribuo de kuba muziko al la internacia E-komunumo. Aliaj programeroj estis ronda tablo pri Eo kiel kultura fenomeno, ekspozicio pri humuro per karikaturoj, libro-ekspozicio, foiro pri artefaritaĵoj, infanaj spektakloj, pupteatro (unuafoje en Kubo far esperantisto), trobadoraj vesperoj ĉe kulturaj centroj, teatraj prezentoj de muziko far profesiaj kaj amatoraj artistoj, deklama kaj prihistoria konkursoj kaj baloj. Temis pri vigla programo kiu prezentis la kuban kulturon en diversaj facetoj.

La evento estis vaste diskonigita per grafika propagando tra la urbo, per radiaj intervjuoj kun diversaj estraranoj, reklamoj, kaj en la nacia televido pere de profe-

## Retadresaro

Aperis la aktualigita versio de Esperanta Retadresaro (administrado: Derk Ederveen dresaro@esperanto.nu)

- Dato de lasta ŝanĝo: 01-11-98
- 2320 adresoj de 1631 personoj el 71 landoj kun 37 retaj delegitoj
- 457 hejmpaĝoj, 415 landaj/lokaj organizoj/gazetoj, kaj 77 internaciaj

La adresaro troviĝas en pluraj lokoj en la reto, ĉefa atingoloko:
ttp://home.wxs.nl/~lide/esperanto-adresaro.html

## La 2a video-festivalo

La 17an de oktobro 1998 okazis en Maribor, Slovenio, la dua internacia videofilma festivalo en Esperanto organizita de Esperanto-societo de Maribor kaj Interkulturo. La prezentitajn filmojn prijuĝis 8-membra internacia ĵurio, el Italio, Aŭstrio, Kroatio kaj Slovenio, kiun prezidis profesia filmreĝisorino Romana Roĵiĉ el Zagrebo.

La ĵurio decidis la antaŭviditan sumon por la ĉefpremio de 300 gld. disdividi inter

du filmoj. En la kategorio "Artaj filmoj" la premion gajnis "La eta knabino" de svisa aŭtoro Samir por alta profesia arta valoro de la filmo. Por la 2a kategorio (dokumentaj filmoj) la premion ricevis "Taĝurnaloj de la Internacia Junulara Kongreso en Rijeka", faritaj de la junulara filmgrupo ĉe Kroatia Esperanta Junulara Asocio, pro inventemaj kaj ideoriĉaj manieroj filme dokumenti E-aranĝon.

## 3a festivalo: julie!

Pro la bona sukceso de la dua festivalo kaj ĉiam pli granda intereso ankaŭ de la diverslanda publiko oni decidis, ke la festivalo fariĝos tradicie ĉiujara.

La tria festivalo de Esperanta videa filmo okazos la 10an kaj la 11an de julio 1999 en Maribor. Oni povas kandidatigi filmojn en dokumenta kategorio maksimume 15-minutajn kaj en la arta kategorio maksimume 10-minutajn.

La filmoj estu ne pli ol 3 jaraĝaj. Sendu kopion en VHS-formato ĝis la fino de majo 1999 al: Inter-kulturo, SI-2000 Maribor, Besednjakova 1, Slovenio.

Samtempe kun la Esperanta video-festivalo en Maribor okazos teatra kaj muzika kulturfestivalo Lent, kies multajn prezentaĵojn la vizitantoj povos ankaŭ spekti.

La aliĝkotizo por la Esperanta video-festivalo estas 10.-gld. Kiuj deziras tranokti, anoncu vin plej malfrue ĝis la fino de majo 1999.

La ĉi jare premiitajn filmojn vi povas ankaŭ aĉeti: "La etan knabinon" (10-minuta) ĉe UEA kaj la "Tag-ĵurnalojn de IJK-Rijeka" (du-hora) ĉe KEJA, Zagreb, Amruŝeva 5, Kroatio.

*Zlatko Tiŝljar*

## Finnlando

Inter 16.-18.10.1998 okazis grandega kultura foiro pri libroj, scienco, religio kaj vivmanieroj en Turku, Finnlando. Inter cento da ekspoziciantoj en la pri-libra sekcio la lokaj esperantistoj kaj la Esperanto-Asocio de Finnlando prezentis Esperanton kaj vendis E-librojn en ejeto (2m x 3m) konstruita kiel hejmeca ĉambro kun librobretaro, gazetoj, afiŝoj, fotoj, surmura kalendaro kaj du foteloj. La televidilo de la ĉambro de mateno ĝis vespero montris Mazi-filmojn, kio allogis multajn infanojn kaj gejunulojn por aŭdi la lingvon. La "fenestroj" de la ĉambro havis verdajn kurtenojn kaj sur la librobretaro staris Esperanta standardo. En la ĉambro "loĝis" i.a. la verkistino-aŭdiologo d-ro Aira Kankkunen, kiu en finna, sveda kaj Esperanta lingvoj prezentis siajn beletrajn verkojn, respondis al demandoj kaj prelegis pri Esperanto. En la scienca sekcio ŝi prelegis pri sia fako: infanaŭdiologio kaj aŭdhandikapitoj. Ŝia faka verko "Klopodu kompreni min" pri aŭdhandikapitoj jam aperis en 10 lingvoj kaj krome aperos hungare kaj bulgare.

En la pri-religia sekcio de la fojro esperanto estis prezentita de bahaistoj.

La 3an de oktobro aperis en la regiona gazeto finna traduko de la artikolo de Claude Piron pri la psikologia vidpunkto al Esperanto kaj la internacia uzebleco de la lingvo. Kelkaj vizitantoj en la "Esperanto-ĉambro" prikomentis ĝin, kaj venis ankaŭ radio-redaktoro, kiu proponis, ke oni havigu Esperantajn novaĵojn al la finnlanda Radio-100. Per tiuj ĉi du kombinitaj eventoj la Turku-aj esperantistoj volis plenumi sian Ago-Tagan devon.

Laŭ la informoj de Turku-a ELFIano A-L. Ali-Simola kompilis R.Pyhala, prezidanto de ELFI.

## komerco.com

Komerco.com senpage anoncas vian negocon se vi uzas Esperanton por komercaj celoj.

http://komerco.com

skribu al: tekniko@komerco.com

Monato

## Ĉefredaktoro por Monato

Ekde la januara numero de 1999 la internacia magazino Monato, kiu nun eniras sian 20an jarkolekton, havos cxefredaktoron, nome Stefan Maul (58jara), profesia jhurnalisto kaj redaktoro pri politikaj informoj de la germana tagjhurnalo Augsburger Allgemeine. La tasko ne estas nova por Stefan Maul. Maul estis la fondinto de Monato kaj ties cxefredaktoro en la unuaj 12 jaroj. Poste tamen li demisiis pro profesia okupiteco kaj sanproblemoj; transprenis lian laboron skipo da fakaj redaktoroj, kiuj zorgis pri la unuopaj rubrikoj Politiko, Scienco, Arto, Turismo, ktp. La avantaghojn de ambau sistemoj Flandra Esperanto-Ligo, la eldonejo de Monato, nun kombinis. Restos la fakaj redaktoroj, kiuj garantios pri la enhavo de la kontribuoj, kaj la cxefredaktoro zorgos pri la ghenerala unueca linio de la revuo.

# NOVA DISKO

Denove Vinilkosmo surprizas nin per profesi-nivela varo. Ĵus aperis la 3a KD de la Kolekto 2000 kun 8 kanzonoj de la fama stockholma rok-bando **Persone**. La titolo "...sed estas ne." aspektas kvazaŭ daŭrigo de ilia antaŭa k-disko "Povus esti simple".

Dum mi skribas ĉi liniojn mi aŭskultas la diskon. Bonega! Senhezite rekomendinda. Mendu ĝin, aŭ pli bone... abonu la tutan kolekton (*vd. Boletín 338, 28 p.*). La adreso de la eldonejo: Vinelkosmo; FR-31450 Donneville; Francio; Tel/Faks: 00-33-561-81-95-65; retadreso: vinilkosmo@esperanto.org

*M.G.A*

## Havinda libro

**Ĵus aperis la libro "Guía fácil de asociaciones-Manual de gestión para la creación desarrollo y dinamización de entidades sin ánimo de lucro" 1998. Eldonita de *Librería Dykinson* kun la apogo de la "Federación de Municipios y Provincias". La verko inkludas modelojn pri oficialaj paperoj (buĝetoj, memoroj, statutoj, peto de NIF, ktp.) kaj aliajn informojn pri la funkciado de kulturaj asocioj. Ĝi kostas malpli ol 2.000 pesetojn kaj aĉeteblas ĉe Librería Dykinson tel. 91 544 28 69 kaj kinson@centrocom.es.**

***Lupe Sanz***

# RET-INFO

Ĉiam pli kaj pli da e-istoj havas retkonekton, kaj kreskas ankaŭ la ret-servoj por ili. Unu el la plej sukcesaj servoj estas la Esperanto-novaĵservo "Ret-Info", kiu distribuas movadajn informojn, novaĵojn, interesaĵojn per retpoŝto!

Al Ret-Info apartenas jam plurcent aktivuloj, interesiĝantoj, redaktoroj de preskaŭ ĉiuj signifaj E-gazetoj, estraranoj de E-asocioj — do ĝi estas unu el la plej efikaj informfontoj. Aliĝantoj ricevas averaĝe 2-5 (filtritajn) mesaĝojn en ĉiu labortago, do oni ne plu devas vagadi en la reto serĉante movadajn informojn, kaj ne nepre devas legi eventuale neinteresajn mesaĝojn de novaĵgrupoj. La "filtrado" garantias la ricevon de vere nur E-movadaj informoj, tiel ke via poŝtkesto ne pleniĝu per ĉiaspecaj flankaj mesaĝoj.

## Kion enhavas Ret-Info?

La retpoŝta E-novaĵservo "Ret-Info" distribuas informojn pri la Movado - sed ne okupiĝas pri lingvaj aferoj, literaturaĵoj, reform-projektoj, poeziaĵoj, diskutoj, ktp. Simile al taggazetoj ĝi raportas pri la eventoj de Esperantio (UEA, TEJO, fakaj kaj landaj asocioj, renkontiĝoj, faka aplikado, novaj E-rilataj servoj en la reto, diskoj, filmoj, kasedoj, ktp.). La novaĵservo enhavas ekz.: Aktualajn informojn, kiujn la kunlaborantoj kaj aliaj aktivuloj sendas por distribuado. La ĉefajn materialojn de la kunlabora forumo de E-redaktoroj ("Interredaktore"). La retpoŝtan version de la plej ofta E-gazeto "Eventoj". La retpoŝtan version de la bulteno "La Merkato". Informojn pri la novaj E-servoj en la reto. Interesajn artikolojn, kiuj pro limdataj au spacomankaj kialoj ne povas eniri en la paperajn gazetojn, kaj multajn aliajn mesaĝojn.

Kompreneble ankaŭ vi povas kontribui al la pli bona, pli efika informfluo de Esperantio. Se en via ĉirkaŭaĵo, ĉe via E-asocio, aŭ en via klubo okaz/is/as/os io interesa (aŭ eble vi mem faras ion kion vi volas diskonigi), sendu koncizan raporton per retpoŝto al Ret-Info! (Centra adreso: ret-info@esperanto.org)

## Kiel ricevi la novaĵojn?

Ankaŭ vi povas aliĝi al la ricevantoj de la servo. La mesaĝoj de Ret-Info estas dissendataj per simpla ret-poŝto, do vi ne devas havi aliajn programojn, kaj ne devas vagadi en interreto - la mesaĝoj venas rekte al via komputilo! La servo tamen ne estas senpaga, la aliĝkotizo por 12-monata periodo estas nur 45 guldenoj. Vi povas aliĝi iam ajn (ne nur en la komenco de la jaro!).

Por aliĝi simple sendu la aliĝkotizon al la UEA-konto ELLS-S aŭ al HEF kaj informu la administranton pri viaj retadreso kaj nomo. Detaloj pri Ret-Info troveblas ĉe: http://www.hungary.net/esperanto/ret-info.htm aŭ petu de: ret-info@esperanto.org).

Laszlo Szilvasi

Administranto de Ret-Info




Jen listo de laste aperintaj libroj alvenintaj al la CO de HEF por la biblioteko "Juan Régulo".

**Homaj rajtoj: demandoj kaj respondoj**. Leah Levin. Ilus. Plantu. El la angla trad. Edmund Grimley Evans. Rotterdam: UEA, 1998. 140p. ISBN 92-9017-058-1. 21cm. Gvidlibro de Unesko pri la ĉefaj instrumentoj de homaj rajtoj, pri proceduroj por ilia realigo kaj pri agado por antaŭenigi kaj protekti homajn rajtojn.

**Klara vortaro Esperanta-Araba** Georgo Abraham (1916). Rotterdam: UEA, 1998. 308p. ISBN 92-9017-056-5. 24cm. Pionira verko, kiu forigas la mankon de ampleksa Esperanto-vortaro por arablingvanoj.

**Kulturo kaj evoluo** Mervyn Claxton. El la angla trad. Johano Rapley. Rotterdam: UEA, 1998. 60p. ISBN 92-9017-059-X. 21cm. Studo de trinidada klerulo kaj diplomato kadre de la Monda Jardeko por Kultura Evoluigo.

www.esperanto-es.org




* 35-jara librotenisto volas korespondi kun hispanaj gejunuloj Seppo Pietilai¿nen; Mannerheimink 25 175; FIN-06/00 Porvoo; Finnlando

* Dr. pediatro Eduardo Arias Fanseca, kiu loĝas en Contramaetre kaj laboras en Santiago de Cuba. serĉas profesiajn kontaktojn pere de Interreto kun kolegoj mondskale. Tamen, ĉar li estas komencanto, li preferus en la komenco la kontaktojn Hispane aŭ anglalingve, jen la retadreso: <brossard@his.scu.sld.cu>





# Premio "Klara Silbernik" 1999*

## Intervjuo al S-ino Ángeles Martinez

S-ino Ángeles Martinez Liévana estas edzino de nia kara kaj agema esperantisto s-ano Rafael Ruiz Criado, Prezidanto de la Hispana Esperantista Fervojista Asocio. Ŝi naskiĝis en Córdoba, sed, kune kun sia edzo, ŝi jam de longe loĝas en Katalunujo. Kiel multaj aliaj virinoj ne plene konataj de nia Esperanta Movado, ŝi ĉiam estis flanke de sia edzo, kiun ŝi plene apogis. Mi dirus ke ŝi apartenas al tiu grupo de anonimaj virinoj, kiuj silente sed ameme kaj kuraĝe tiom kontribuis por la diskonigo de nia kara lingvo Esperanto, Nu, jen la intervjuo:

*Kiam vi konis vian edzon, ĉu vi ambaŭ jam estis esperantistoj?*

Kiam mi konis mian edzon neniam antaŭe mi estis aŭdinta pri Esperanto. En la komenco ni loĝis en Premia de Mar, kie ni restadis de 1962 ĝis 1966, jaron en kiu ni translokiĝis al Badalono, kaj tie ni loĝis ĝis nun. Proksimume en la jaro 1978, mia edzo konis lokomotiviston José Mª Margalef, kiu inicis lin en la lernado de Esperanto.

*Ĉu vi opinias, ke la scio de Esperanto alportis feliĉon al via hejmo?*

Sendube. La unuan fojon, kiam mi ĉeestis kun mia edzo Universalan Kongreson en Varna, estis por mi, kvankam tiutempe ankoraŭ mi ne scipovis Esperanton, agrabla sperto, kiu poste spronis min helpi lin hejme aŭ en nia Fervojista Centro, kompreneble, ĉiam laŭ mia modesta kapablo.

*La prezidanteco de H.E.FA, kara amiko Rafael, postulas de vi multan dediĉon, ĉu vi trovis flanke de via edzino la bezonatan komprenemon?*

Dum la pasintaj jaroj mi klopodis per korpo kaj animo por ke la Asocio funkciu. Estis tre abunda laboro, kaj ankoraŭ mi ne estis sufiĉe hardita, sed fine, kun la helpo de kelkaj grupanoj mi akiris sperton. Fakte, la daŭra apogo de mia edzino tre pozitive influis en la solvado de la klubaj taskoj.

*Sendube la kono de Esperanto ebligis al ambaŭ travivi belajn spertojn, kiel la multajn vojaĝojn, kiujn vi realigis. Ĉu vi sentis en tiuj vojaĝoj, ke la kontaktoj kun fremdaj homoj, tamen konantaj Esperanton, estas pli afablaj kaj sentemaj?*

Efektive, danke al la kono de Esperanto ni havis eblecon pli facile vojaĝi eksterlanden kaj partopreni en diversaj Esperantaj Kongresoj, kaj konsekvence travivi interŝanĝojn kun fremdaj homoj danke al la Internacia Lingvo. Tio permesis al ni ankaŭ interŝanĝi amikajn leterojn.

*Ĉu vi opinias, ke via edzo estus povinta realigi tiujn Esperantajn taskojn sen via helpo kaj komprenemo?*

Nu, de la jaro 1987 ĝis hodiaŭ, mia edzo, kiel Prezidanto de Hispana Esperantista Fervojista Asocio, laboris tre aktive kaj senlace, kaj, kvankam ankoraŭ li daŭrigas sian laboron, li bezonas mian helpon kaj kunlaboradon, ĉar bedaŭrinde la pasintan jaron li malsaniĝis kaj nun li bezonas helpon eĉ por vojaĝi en specialaj kondiĉoj.

* La transdono de la premio okazos en la 58a Hispana Kongreso de Esperanto.




Jaro 1998 estis speciala en la mondo de Esperantia radio. Dum 1998, manpleno da radiostacioj daŭrigis internaciajn elsendojn pere mallongaj ondoj: la kutimaj kaj jam tradiciaj radioj de Varsovio, Pekino, Romo, Vatikano, Vieno, Havano... Kaj kiel kutime, aperas kaj malaperas lokaj elsendoj, malfacile ŝpureblaj ĝuste pro ilia efemereco, kaj kapteblaj nur de malmultaj.

Pli ĵusa fenomeno estas satelita elsendo. Nun kapteblas per satelito Pola Radio (ĉiutage), RAI Internacia (sabate), Radio Vatikana (sed ne en Eŭropo) kaj Radio Aŭstria (per diĝita sistemo). Por ĉiu posedanto de satelita ricevilo estas ege komforta maniero ricevi radion, kiu certigas aŭskult-kvaliton (male, mallongonda kvalito ne samas de tago al tago, kaj estas sufiĉe malfacile alĝustigi la radion), kaj ege faciligas registradon (per kutima video-aparato, kiu ĉiu posedanto de porsatelita anteno certe konektis al la ricevilo la unuan tagon post aĉeto; krome estas tre facile konekti tiun al alt-kvalita muzikaparato).

Sed la plej aktuala fenomeno en la verda radio-mondo estas Interreto. Dum 1998, Pola Radio ŝanĝis la manieron per kiu Esperantistoj sekvas, inter alie, Universalajn Kongresojn. La plimulto kiu ne atendas UK-on, kaj kiu neniam elturniĝis por kapti mallongondaj elsendoj, kutimis ekscii pri ili nur monatoj poste, kiam revuoj komencas plenigi niajn leterkestojn. Sed ĉi jare Pola Radio elsendis ĉiutagajn raportojn per la Interreto. Tio ankaŭ ebligis al ekstereŭropaj esperantistoj aŭskulti ilin.

Alia radio-stacio (Estona Radio) nur aŭskulteblas nun (krom en Estonio mem), per la Interreto. Kaj eĉ aperis elsendoj nure Interretaj: tiuj de Radio Verda (pri-movada) kaj Radio Saluton (ne pri-movada).

La fenomeno nun estas eta, tiel eta, kiel la kvanto de esperantistoj-internaŭtoj: eta guto en la mondo. Tamen, laŭ la kresk-ritmo de Interreto, post jardeko verŝajne plimulto da esperantistoj havos aliron al ĝi, kaj pere de ĝi, al pli granda partopreno en Esperantio.

Ni rekonu, ke Esperantistoj tro orgojlas pri la kapablecoj, pri la atingoj de Esperanto: kiom da tradukoj, kiom da belletraj originaloj, kiom da esperantistoj, kiom da radiaj elsendoj... sed kiom ni legas, kiom ni aŭskultas Esperantajn produktojn? Certe, ĝis nun estis malfacile akiri multajn librojn (ankaŭ tio estas pli facila nun, danke al retpoŝto kaj interretaj vendejoj).

Jam temp' está, ke esperantistoj ne troparolu plu, kaj laboretu por kaj per sia esperantisteco: ne estas tiel facile aŭskulti esperanton, kiel la patrinan lingvon, sed ankaŭ ne tiel malfacile. Nia esperantisteco devas esti pli kompleta, kaj iĝi ĉiutaga parto de nia vivo.

Kion oni bezonas? Krom komputilo: son-karton (t.e., interna peco kiu ebligas en- kaj eliron de sono). Se via komputilo

ankoraŭ ne havas, vi povas aĉeti, ekz. *Sound-Blaster 16*, kiu sufiĉas por bazaj bezonoj, kontraŭ 6000 pesetoj (pli malpli 40 eŭroj); laŭtparolilojn (ne necese potencaj) interret-aliron (senpage atingebla de multaj bankoj); programon *Internet Explore / Netscape Navigator* (senpagaj); programon *Real Audio Player* (senpaga).

Nu oni tutsimple vizitas hejmpaĝon, kaj klakante per la muso, la elsendo ekvojaĝos al via hejmo. Kiam oni trovas dosieron de Real Audio en la interreto, la aŭtoro povis havigi al vi du eblecojn: tujan aŭskulteblecon (tuj kiam via komputilo akiras iujn kilobajtojn, la programo *Real Audio Player* ekfunkcios kaj aŭdigos la dosieron) aŭ postan (vi akiros la dosieron, kaj aŭskultos ĝin poste, kiam vi deziros).

Avantaĝon de Interreta elsendo estas, ke vi povas aŭskulti, kiam vi povos: vi havas tutan tagon por programo de Radio Pola, kaj tutan semajnon por la ceteraj. Do, eĉ se nova programo de Radio Verda aperas ĉiudimanĉe, vi povas aŭskulti ĝin lunde, aŭ vendrede (aŭ tuj post ĝia apero).

Gravaj iloj por esperantistoj-radioaŭskultantoj estas la hejmpaĝo de AERA, kie oni povas ricevi informojn pri ĉiuj elsendoj (tradiciaj, satelitaj kaj interretaj), kaj viziti arkivon de malnovaj elsendoj, kaj la iniciato de Anton Oberndorfer por disponigi pliajn programojn de Pola Radio tra la interreto (memoru, ke Pola Radio enretigas nur 4-minutan novaĵ-resumon).

Kaj post aŭskultado de la programo, memoru ke Esperantaj radioj bezonas viajn reagojn: skribu do de tempo al tempo eĉ se nur simplan poŝtkarton, ke la radiestroj ne mallongigu la elsendojn.

Interesaj ligoj, alfabete ordigitaj:

* AERA http://osiek.org/aera/. * E-Radio http://www.ciudadfutura.com/esperanto/eradio. * Estona Radio: http:// www.er.ee/tallinn/. * Pola Radio: http://www.wrn.org /audio/pol1.ram (ĉiutaga 4minuta programo). * Radio Saluton http://radioesperanto.webjump.com. * Radio Verda: http:// www.comnet.ca/~chapman/verda.htm.
* RetRadio: http://start.at/retradio

*J.F.M. Delpozo*

# Radio "Saluton"

Radio Saluton alvenis al sia deka elsendo. Jam antaŭ tri monatoj, Andaluzia Esperanto-Unuiĝo komencis la aventuron, havigi al Esperantio radio-elsendon per Interreto. La programaron pritraktas ne Esperantaĵojn, sed ekstermovadajn novaĵojn, kun atento ne nur al gravegaj aferoj, sed ankaŭ al tiuj etaj internaciaj aferoj kiuj ne ĉiam atingas plej famajn novaĵprogramojn.

Krome, en la TTT-ejo de AEU, oni povas trovi la programon de Pola Radio "Trarigardo de Esperanta Gazetaro", kiun ni penos havigi ĉiusemajne por tiuj kiuj ne disponas satelitan antenon aŭ mallongondan radioaparaton.

Kaj laste, sed ne balaste, kune kun tio multaj programoj de Pola Radio (elsenditaj inter januaro kaj decembro 1998) jam haveblas, kaj plu haveblos en la adreso:

http://www.ciudadfutura.com/esperan to/eradio. Cetere, Radio Saluton alireblos, dum du tri pliaj semajnoj, rekte ĉe: http://radioesperanto.webjump.com

Streĉu la orelojn kaj... bonan aŭskultadon!

*J. F. M. Delpozo*



# Lingva angulo

# LINGVA ANGULO 6

*de Antonio Valén*

## FALSAJ AMIKOJ

Hodiaŭ ni vidu kelkajn falsajn amikojn. Ĉiuj difinoj kaj multaj ekzemploj fontas el *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV).

**momento** principe ne estas problema: eĉ skribe kaj prononce ĝi estas identa kun sia hispana ekvivalento. Tamen multaj homoj facilanime uzadas ***momente*** por traduki *de momento*. Laŭ ili do ***ni momente forgesu tion*** signifas *de momento, olvidémonos de eso* -sed ĝi fakte signifas *olvidémonos de eso por un momento*. Efektive ***momente*** signifas "en unu momento": ***momente ili ruiniĝis kaj pereis***, *se arruinaron y perecieron en un momento*; ***ŝi promesis tion por momente liberiĝi de li***, *se lo prometió para librarse de él por un momento*.

Por esprimi *de momento* en esperanto, ni diru ***nun, nune***, ***nuntempe***, ***provizore*** (*=por ahora*); ***ĝis nun*** (*=hasta ahora*) aŭ ***unue*** (*=primeramente*): *de momento, olvidémonos de eso*, ***ni provizore forgesu tion***; *de momento, la empresa está funcionando*, ***ĝis nun la entrepreno bone funkciadas***; *de momento, te quedas sin cenar*, ***unue, vi ne ricevos vespermanĝon***.

**oportuna** estas "facile uzebla pro bona adaptiĝo al sia destino": ***la formato de tiu ĉi libro estas tre oportuna***, *el formato de este libro es muy acertado*; ***via propono estas oportuna***, *tu propuesta es pertinente*. Ĉi tiu vorto do iel sinonimas la signifojn de ***taŭga, adekvata, laŭa, trafa, konvena, praktika***.

La hispana *oportunidad* nur malofte tradukiĝas per ***oportun(ec)o***: *la oportunidad de su llegada*, ***la oportun(ec)o de lia alveno***; *sentido de la oportunidad*, ***sento pri oportuneco***. Plejofte ĝi signifas ***okazon*** aŭ ***ŝancon***: *tener la oportunidad de hablar*, ***havi la okazon paroli***; *aprovechar una oportunidad*, ***kapti okazon***; *tener las mayores oportunidades de ser elegido*, ***havi plej multe da ŝancoj (por) esti elektita***.

**akcento** signifas "plifortigo de la voĉo en la prononcado de unu silabo en vorto", ekzemple: ***en esperanto la akcento estas ĉiam sur la antaŭlasta silabo***, *en esperanto el acento va siempre en la penúltima sílaba*. Figure ĝi signifas ankaŭ emfazon, insiston: ***la registaro aparte akcentis la ekonomian kreskon***, *el gobierno puso especial acento en el crecimiento económico*. Por traduki la signifon "artikulaciaj kutimoj, parol-maniero" kelkaj bonaj esperantistoj diras ankaŭ **akcento**, kvankam la Suplemento de PIV proponas **akĉento**: ***kuba akĉento***, *acento cubano*.

Kaj kiel do oni tradukas la hispanan *acento ortográfico*? Nu, vi povas ja diri **korno**: ***dekstra, maldekstra korno*** (é, è). Se vi tamen ne volas taŭrigi vian esperanton, parolu do pri **supersignoj**: ***la francaj supersignoj akutaj kaj malakutaj***, *los acentos franceses agudos y graves* (é, è).




# Juan Ramón Jiménez

*Trd: Miguel Fernández*

Ŝi ekaperis pura,
vestita per naivo.
Kaj ŝin mi bube amis.

Ŝi poste sin vestadis
per stranga kostumaro,
kaj mi malamis ŝin preterkonscie.

Ŝi iĝis, ve!, reĝino
en pompa trezor-pleno...
Kia kolero gala kaj sensenca!

...Sed ŝi ja sin eknudis,
kaj mi al ŝi ridetis.

Restis al ŝi l' tuniko
de ŝia pranaivo.
Al ŝi mi kredis ree.

Kaj ŝi sentunikiĝis
kaj jen aperis nuda tute, plene...
Ho, viv-pasio mia, poezio
finfine nuda, mia porĉiame!

El "Eternoj" (Eternidades) 1916-1917.




*Sceno el "La nigra insulo"*



*Jen kiel aspektis Tinĉjo kaj Miluo en sia debuto*



# Tinĉjo aĝas 70

M. Zocato

Tinĉjo, la plej universala heroo el la tuta komiksa historio, iĝis 70-jara. Aventuremo kaj amikeco ĉef-rolas en la kajeroj de la (por eterne) juna heroo kreita de Hergé (1907-1983), kiu debutis sur la paĝoj de *Le petit Vingtième*, porinfana aldono de la ĵurnalo *Le XXè Siècle*, la 10an de januaro de 1929.

Ĝis nun aperis 23 kajeroj, multaj el ili tradukitaj al 50 diversaj lingvoj. En 1979, kiam aperis la lasta kajero de la serio, la nombro de ventitaj ekzempleroj estis 61 milionoj, kaj ĝis 1996 la nombro daŭre kreskis ĝis alveni al 200 milionoj.

Danke al pluraj TTT-paĝoj en Interreto, la "tinĉj-amuloj" havas la eblecon koni multajn flankojn de la mondfama heroo kaj de ties akompanantoj en la diversajn aventuroj, la hundeto Miluo, kapitano Hadoko, ktp. Plej interesa paĝo verŝajne estas http://www.tintin.be.

Kompreneble, ankaŭ ni, esperantistoj, povas ĝui la aventurojn de Tinĉjo pere de la du kajeroj ĝis nun aperintaj: "La krabo kun oraj pinĉiloj" kaj "La nigra insulo".

Ĉu vi jam havas ilin?



# Perkoresponda Kurso




Lernolibro: Esperanto, curso del idioma internacional; ekzercaro (presitaj aŭ en diskedo); informlibro: El Esperanto: fenómeno de la comunicación; vortaro Lexicón Sopena; kasedo kaj la gvido de kompetenta instruisto jen telefone, jen fakse, jen per normala aŭ elektronika poŝto.

**nur 14.900 ptojn***

Ĉiu kursano, kvazaŭ HEF-membro, ricevos dum unu jaro la koncernajn publikigaĵojn de la Asocio: Boletín, Juna Amiko, Koncize kaj Kontakto.

Mendu ĝin ĉe HEF, Rodríguez San Pedro 13-3-7a, ES-28015 Madrid.
Tel+Faksilo: 34(9)1-4468079; admin@esperanto-es.org

* Remburse plus sendokostoj. Gejunuloj kun "Carnet Joven" ricevas 10 elcentan rabaton.

# Castellón

58a
Hispana Kongreso de Esperanto

## 17a - 21a de julio 1999

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora